**BULTENO**

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj





Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

# GERMANA HORARO ENHAVAS ESPERANTON

Ĝojigan kaj rimarkindan sukceson ni povas komuniki al niaj legantoj: la Germana trajnhoraro estas la unua horaro en la mondo - oni certe rajtas diri tion - kiu enhavas esperantan tekston.
Se vi malfermas la libron, vi trovas, ke la *horarŝlosilo*, ĝis nun tradukita nur en anglan kaj francan lingvojn, krome estas presita en nia lingvo. Dum la kongreso en Utrecht, nome de la Germana Federacia Fervojo kaj de la Fervoja Socia Organizo (BSW), unu ekzemplero de la germana horaro estis transdonita al IFEF kiel memordonaco.
La germana horaro estas eldonita en 50.000 ekz, kiuj estas venditaj ne nur en Germanio mem, sed eĉ en Usono, Afriko kaj en ĉiuj Eŭropaj landoj Do ĉie oni nun legas tiun tekston en nia lingvo, samrajte preskaŭ apud la angla kaj franca lingvoj. Bedaŭrinde ne tute samrajta, ĉar la *rimarkigoj por niaj pasaĝeroj* ne jam estas tradukitaj.
Ni esperas kaj petas, ke ankaŭ tiuj kromaj paĝoj de la horarteksto estu tradukataj kiel eble plej baldaŭ.
Ĉiuj legantoj - entute ĉiuj esperantistoj kaj ties konatoj povas helpi. Ju pli ampleksa la eĥo en tiu afero, des pli frue niaj kamaradoj fervojistaj sukcesos atingi ankaŭ ĉi tiun celon. Do gekamaradoj, en kaj eksterlandaj, **ne nur eksciu tiun ĉi novaĵon, sed komuniku al la Germana Federacia Fervojo, Ĉefadministracio en Offenbach (Main) aŭ al Generalbetriebsleitung West, Bielefeld, vian opinion, ĝojon kaj dezirojn.**
Oni esprimu al tia progresema administracio laŭdon el ĉiuj landoj.
Krome niaj amikoj el la diversaj landoj uzu la fakton de tiu ĉi *Esperanto-horarŝlosilo* por instigi siajn fervojajn administraciojn imiti la germanan ekzemplon.
Dependas de vi, gesamideanoj, ĉu la dua paŝo sekvos la unuan. Tiu afero estu nova pruvo por la vere paca kaj internacia efiko de nia lingvo.





## DEZIRINDA PROGRESO

Dum la laborkunsidoj en nia kvina kongreso ni ĝoje konstatis ke IFEF kreskas ne nur laŭ membronombro, sed ankaŭ kvalite. Iom post iom trovis la vojon al nia organizo pli granda aro da kolegoj kompetentaj konvinke esprimi sian ĝustan konceptom pri la tasko de IFEF Kiel ni, ili klare komprenas, ke fine nia organizo agordu sin al laboro pli serioza, pli konkreta, por ke niaj kongresoj servu ne nur por solvi organizajn problemojn. Tiu spirito regis jam la kunvenojn de la delegitaro kaj de la Terminara komitato.

En la unua la klaraj raportoj atestas pri la aktiveco en diversaj landoj. Speciale Germanio rikoltis belan sukceson.

En la dua ni eksciis pri la progreso en la giganta tasko de la Terminara komitato, kiu decidis jene:

Por povi pretigi provizoran terminaron, ampleksantan proksimume 5000 vortojn, la landaj komitatanoj traduku la terminojn, aperintajn en UEA-jarlibro. Kolego Walder kompleze havigos por tiu celo la necesajn ekzemplerojn de tiu terminaro. Oni elektis gvidanton por tiu laboro en kelkaj landoj. Ĉar abundas la laboro, la kempleta terminaro povos aperi nur post du- tri jaroj. La diskutoj konfirmis nian fidon en la sukceso de la serioze kaj sisteme laboranta komitato.

Kiel sugeston al pli signifa laboro oni ankaŭ povas konsideri la paroladon de s-ro Kovacic, kiu instigis sendi al li artikolojn tradukitajn el sindikataj kaj fakgazetoj, por ke li povu aperigi ilin en la Aŭstria sindikata gazeto. Ĉar tio sendube havos grandan propagandan valoron, ni rekomendas al la landaj estraroj elekti kompetentan kolegon, pretan plenumi tiun taskon, kaj sendi kelkfoje jare iun tradukon al sinjoro Oskar Kovacic, Margaretenstr. 166, Wien 5, Aŭstrio.

Same progreseme Francio proponis, ke en la venonta kongreso en Verona ĉiu delegito raportu pri la fakinstruado ĉe la fervojo en sia lando. Multaj amikoj varme rekomendis tiun proponon, kaj la kongreso decidis venontjare en Verona la delegitoj havu detalan raporton pri la faka instruado al fervojistoj ĉiugradaj.

Kopion de tiu raporto ili donu al la ĉefestraro kaj al ciuj delegitoj. Krom tio la delegitoj - aŭ iu kompetenta anstataŭanto - koncize kaj klarige prelegu pri la sama temo en speciala kunveno.

La raportojn kun la necesa komento la landa organizo povos eventuale sendi al la koncernaj instancoj fervojaj.

Jen kelkaj punktoj pri kiuj ni emfaze atentigas la landajn estrarojn, por ke ili jam nun faru la bezonatajn paŝojn.

La delegitoj raportu pli detale kaj akcentu la plej gravajn decidojn. Ĉiu faru sian devon, por ke nia laboro fariĝu pli efika, niaj kongresoj pli signifaj.

La estraro.

# KONCIZA SUPERRIGARDO

Nia kvina kongreso en Utrecht, la urbo en kiu troviĝas la Ĉefadministraciejo de la Nederlanda Fervoja Kompanio, estis vere jubilea kongreso. Brila kiel la antaŭaj, tiuĉi kongreso kronis la 5-jaran ekzistadon. Ĝi estis bonege organizita kaj sendube en la nomo de ĉiuj partoprenintoj mi rajtas laŭdi la L.K.K., kiu tiom perfekte organizis la tutan kongreson. La akcepto okazis tute glate, dank'al la laboro de aro da helpantoj. Intima kaj agrabla estis la interfratiĝa vespero. Ne estis fiksita programo, sed gaja estis la sfero kiu regis, kaj ĝojigaj la renkontiĝoj inter la malnovaj amikoj.
Je merkredo okzais la metado de florkrono ĉe la monumento por la fervojistoj, mortintaj pro la lasta mondmilito. Dum malleviĝo de la flagoj, klare esprimiĝis sur ĉies vizaĝo la forta volo batali por la paco.
Tuj poste ni kolektiĝis antaŭ la Ĉefadministraciejo, kie la ĉefestraro ricevis belan flagon de la anaro. Belege ornamita estas la flago, kaj laŭdon meritas la edzinoj de la utrechtaj membroj, kiuj tiom bele ĝin brodis. En la tagmezo la ekskurso al la vagonfabriko estis tre interesa kaj lerniga, kaj la perfektaj klarigoj en esperanto de nia samideano Punt kontribuis multe al plena sukceso.
Ĵaŭdon okazis ekskurso nur por inoj. Inter ili estis diversaj kiuj ne scipovas Esperanton. Plena sukceso dum la aŭtobusveturado tra belega regiono, sed dum la vizito al la metalfabriko montriĝis bone kiom malagrabla estas la lingvodiferenco, ĉar tradukado de la interesaj klarigoj de la oficisto tute ne eblis en dek diversajn lingvojn.
Simpatia estis la gesto de la direkcio, kiu donacis al ĉiu partoprenantino belegan kulereton.
Jam mardon okazis du estrar- kaj delegitarkunvenoj. Ĉiuj delegitoj raportis pri la aktiveco en sia lando. Montriĝis ke en ĉiu lando estas vigla esperanto-vivo. Preskaŭ ĉie oni atingis subtenon de la Administracio, kaj preskaŭ ĉie niaj rondoj rajtas uzi por lecionoj kaj kunvenoj ĉambron disponitan de la vervojo.
Grave estas ke Radio Vieno diversfoje elsendis sciigojn pri nia movado. Diversaj delegitoj laŭdis la jubilean bultenon, rimarkis ke en ĝi aperis fakartikoloj, kaj esperas ke estontece eblos eldoni plurfoje tian belan gazeton. Giuj promesis serĉi monrimedojn por atingi tion. Funde

---

# FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO

Samkiel la pasintan jaron la grupo Zwolle de FERN Organizas feriosemajnon por fervojistaj esperantistoj kaj familianoj, de la 13a ĝis la 19a de septembro. Restado en la bele situanta *feriokampcentro de *Leemkule* en arbara pejzaĝo. La prezo estas la sama kiel la pasintan jaron, nome po 25 guldenoj por la tuta semajno, inkluzive manĝaĵoj; luo por litaĵo 3 guldenoj. Interesuloj estas petataj sufiĉe frue anonci sin ĉe la sekretario de la grupo Zwolle: W.Gelderman, Willem Barendszstraat 70 Zwolle, Nederlando. Li pretas doni ĉiajn informojn.

la ĉeestantoj priparolis la eblon fari kontrakton kun U.E.A. kaj SAT. La kunveno de la Terminara Komitato okazis merkredon. Bedaŭrinde la prezidanto s-ro Pape pro akcidento ne ĉeestis. En tiu ĉi jaro la laboro grave progresis. La unua parto, pri vagonoj, jam estas preta, kaj diverslande oni kontrolas la parton pri lokomotivoj.
La kunveno deziris ke en ĉiu lando estu gvidanto, al kiuj la kunlaborantoj sendu la materialon. Ĝi elektis por Germanio Pape, Francio Blondeaux, Italio Quarone, Novvegio Carlsen, Danio Thorsted, Svisio Bipp, Finnlando Ruhanainen, Anglio Rosher, Nederlando Bouwkamp,Svedio Agren, Aŭstrio Burgler, Belgio De Bruine. Vidu la apartan raporton en ĉi tiu Bulteno pri la Terminara Komitato.
Vespere okazis la solena malfermo, pri kiu ni aparte raportas.
Protokolo de la laborkunsidoj aperos en sekvonta Bulteno.
Ĵaŭdon la arta vespero estis grava sukceso. Bonega fervojista gea ĥoro kantis rave kaj ĝi meritas certe la longdaŭran aplaŭdon, same kiel la utrechta orkestro.
Vendrede la tuttaga ekskurso al la birdoĝardeno *Avi-Faŭna* tre plaĉis al la partoprenantoj. Forlasante la vagonaron en Amsterdam ili surprizite aŭskultis la bonvenigajn vortojn, kiujn aŭdigis la ĉefestraro per la stacidoma laŭtparolilo.
Tre interesa estis la tramveturado tra Amsterdam, kaj la boatveturo tra la iama Harlema lago. Antaŭ cent jaroj la grandega lago estis danĝera por Amsterdam kaj ĉiu jare okazis inundo. La tiama sekigo de la lago donis spertojn al la scienculoj por la posta granda laboro, la sekigo de la Suda maro.
Pro la malvarmo la birdoj en la mondfama birdoparko Avi-faŭna ne kantis kaj estis malviglaj. Des pli viglaj estis la gedancantoj en la granda salono.
La prezentado de la filmo: IFEF 5-jara, montris bone la kreskon de nia movado. Jen kaj jen aperis antaŭ niaj okuloj la antaŭaj kongresoj. Kun entuziasmo la ĉeestantoj denove travivis la gravajn tagojn de nia movado. Belega estas la filmo kaj bonege la prezidanto de IFEF esprimis la dankon de la anaro por la senlaca laboro de la filmisto. Ke li daŭrigu sian gravan laboron estas la deziro de ĉiuj ĉeestintoj.
La kabareda vespero estis tre agrabla; la artistoj tre bonaj kaj diversaj prezentaĵoj belegaj. Bedaŭrinde la konferencisto ne scipovas Esperanton. Pro tio la spritaĵoj perdiĝis por la kongresanoj. Sed la vespero havis grandan valoron el propaganda vidpunkto, ĉar multaj fervojistoj ĉeestis. La postkongresa ekskurso estis plena sukceso. Belega tago plene da sunbrilo. Regiono kiun ornamis centmiloj da florantaj fruktarboj. Agrabla muziko kaj la miraklo de la svingataj flagoj faras, ke la tago restos en la memoro de la kongresanoj.
Resume ni do povas diri: La jubilea kongreso estis granda sukceso!

Kompilis E.Drijfhout.

---

## LA GERMANA IFEF-ANOJ ATENTU LA JENON!

Kiu germana kolego povas informi k-don Ernst Eriksson, Olof Gjödingsgata 4, Stokholmo K, Svedio, pri la adreso de la fervojista esperantisto PIETSCH, loĝinta kaj eble ankoraŭ loĝanta en Berlino?

## LA SOLENA MALFERMO



En la belege ornamita salono de la Fervojista Sindikata Domo okazis la Solena Malfermo de la Kvina IFEF-kongreso. La scenejo per freŝaj floroj ornamita kaj ĉirkaŭita per la diversaj Esperanto-flagoj jam metis sian ŝtampon sur la solenan okazontaĵon. Sen brua tamtamado IFEF ja elkreskis al la nun interne forta organizo inter la aliaj Internaciaj Esperanto-organizoj kaj ĝia fruktedona laboro altiris la atenton de ekstere.
Nur malmultaj Atentis la manplenon da entuziasmaj idealistoj, kiuj por la bono de la Esperanto-movado ĝenerale kaj por plej baldaŭa akcelo de la disvastigado de la lingvo decidis prilabori sian vastegan fakan terenon. Nur unu parolinto oficiala dum la fondiĝa kunveno de IFEF seninterrompe montris sian grandan simpation pri nia movado kaj estis ĝojige aŭdi, ke li tre grave kontribuis al la sukceso de nia jubilea kongreso. Al la ĉefestrarano de la Nederlanda Fervojista Sindikato, F.de Jong, ni tre volonte direktas nian sinceran dankon pro ĉio, kion li faris pro nia movado en la daŭro de nia ekzistado.
La granda festsalono de la Sindikata Domo estis plenplena kiam la prezidanto de la LKK kore bonvenigis ĉiujn ĉeestantojn kaj speciale la reprezentantojn de oficialaj instancoj, fervojaj entreprenoj, sindikatoj kaj el la Esperanto-movado. Li, kolego J.J.Labordus, sciigas, ke alvenis salutleteroj de la Nederlanda ĉefministro **Dr. W. Drees**, La Prezident-Direktoro de la Nederlando Fervoja Kompanio S-ro **Q den Hollander**, kaj de la **Urbestro de Vieno, S-ro Jonas**, de la **trafikministro D-ro Algera.**
La Nederlanda Radio elsendis en sia programo komunikon pri la okazanta IFEF-kongreso, sekve miloj eĉ dekmiloj da homoj aŭdis ion pri nia laboro. Kiel unua parolanto venis sur la scenejon **D-ro de Bruin nome de la Nederlanda Fervoja Direkcio.** Li espremis sian grandan ĝojon ĉeesti la kongreson kaj bonvenigis la kongresanojn diverslandajn en la urbo Utrecht, la centro de la nederlandaj fervojoj. Li estas certa, ke Esperanto estas taŭga rimedo por atingi la pacon.
**La Urbestro de Utrecht D-ro C.J.A. de Ranitz** gratulas nome de la Komunuma Estraro kaj volonte akceptas vin en tiu ĉi episkopa urbo. Mi deziras al via kongreso la plej sukcesplenan laboron sed samtempe esperas, ke vi trovu iom da tempo por admiri la vidindaĵojn de nia urbo, en kiu vivis multaj mondfamaj eminentuloj kaj artistoj.
**S-ro Rooswinkel nome de la ministro** por edukado, arto kaj scienco esperas, ke la jubilea kongreso plene sukcesu kaj precipe per ĝi la idealo de la kre-

---

## KORESPONDPETO

Nia kolego en Germanio, Erhard Redlich, Bisschof-Konradstrasse 14, Regensburg, deziras korespondadi kun fakkolegoj en diversaj landoj. Li estas supertrajnestro de la DBB. Skribu do al ĉisupra adreso.

into alproksimiĝu. Li komparas la IFEF-kongreson kun similaj internaciaj kongresoj, en kiuj la senfinaj tradukadoj estas tedaj. Li skizas la grandan valoron de Internacia lingvo kaj rekomendas al dubantoj viziti kongreson, kia estas la IFEF-kongreso, kie oni povas priparoli eĉ fakajn temojn en unu kaj la sama lingvo. Esperanto estas taŭga por ĉiaj celoj estas lia opinio.
**S-ro van Burg, Urbestro de Waarden** alparolis la kongreson jene: * Kiel urbestro de Komunumo en la regiono kie okazis la terura katastrofo li skizis la superhoman luktadon kontrau la akvo, kiu prenis al si multajn viktimojn. Li tre laŭdas la gravan helpon tiom spontane prezentitan el ĉiuj landoj al la viktimoj. Por danki nome de la viktimoj li speciale vizitas la kongreson kaj esperas, ke la ĉeestantoj transdonu la dankvortojn en la hejmlandoj.
**S-ro Stolze** parolis nome de la **Germana ĉefadministracio, la sociala organizo** kaj **GEFA,** la Germana IFEF-sekcio, krome nome de la **faklernejoj.** Li diras, ke la Germana ĉefadministracio kun granda interesiĝo sekvas la evoluon de la Esperanto-movado Fervojista kaj deziras al la kongreso la plej bonan sukceson.
**S-ro Viksten** parolante nomecde la **Sveda Fervoja Administracio** ĝojas ĉeesti ĉar estas necese, ke la fervojistoj interŝanĝu ideojn kaj sugestojn pri fakaj detaloj. Esperanto ebligas tion al la fervojistoj diverslandaj kaj li esperas, ke en BULTENO aperu multaj fakartikoloj kaj la fervoja terminaro baldaŭ estu preta. Nome de la Sveda administracio li deziras al la kongreso fruktedonan laboron. ( S-ro Viksten, kiu antaŭ multaj jaroj estis Esperantisto alparolis la kongreson Esperantlingve sekve traduko estis superflua)
**S-ro Burgler** nome de la **Aŭstria Fervoja Direkcio** esperantlingve transdonis al la kongreso la korajn salutojn kaj deziris al ĝi plenan sukceson.
Nome de la **Norvega Fervoja Administracio S-ro Carlsen** transdonas la plej korajn salutojn kaj promesas nome de la ĉefadministracio subtenon en la estonto. La Norvega administracio ĉiel subtenas la movadon kaj ebligis al unu el niaj norvegaj kolegoj pristudi la labormetodon en Parizo ĉe la Francaj Fervojoj. Nome de la administracio li deziras brilan sukceson.
Kiel reprezentanto de la **Germana Fervojista Sindikato** kolego **Fritz Hartjen** deziras al la kongreso bonan sukceson kaj transdonas la salutojn de la germanaj fakkolegoj.
**S-ro Kovacie** nome de la **Aŭstria Fervojista Sindikato** memorigas la terurajn militjarojn kaj esperas, ke la kongreso kontribuu al tutmonda paco.
**S-ro F. de Jong** nome de la **Nederlanda Fervojista Sindikato** transprenas samtempe la taskon de la Prezidanto de la **Personara Konsilantaro,** S-ro Kanne, kiu estas en la salono. Li memorigas la unuan Esperanto-kongreson en Bulogne apud Maro kaj sentas ankaŭ ĉi tie la grandan valoron de Esperanto. Detale li gvidas nin tra la Esperanto-historio kaj ĝojas, ke la Internacia kaj jubilea kongreso okazas en la propra konstruaĵo de la Sindikato, kie vi ĉiuj estas altbonvenaj. Li transdonas al la jubilanta organizo belegan florkorbon kaj al la LKK koverton kun mona enhavo kiel subtenon al la kongreso nome de la Fervojista Sindikato dezirante al la kongreso la plej bonan sukceson.
**Kolego Broekman** nome de la **Utreĥta sekcio** de la **Fervojista Sindikato** kore salutas la kongreson. Via kongreso estu ekzemplo por la kunvenoj de la administracioj fervojaj, en kiuj multe da tempo perdiĝas pro la traduktadoj.
**S-ro Carton** de la **fervoja unuiĝo nederlanda por sporto kaj distraĵoj** ĉeestis en la antaŭa vespero la interfratiĝan feston kaj preskaŭ ne povis kredi,

ke tiom da homoj el diversaj lingvaj regionoj per unu lingvo tiom facile povis interkomprenigi. Mi ne dubas, la estonto certe estos al vi.
**S-ro Walder, ĉefdelegito de U.E.A.** nome de la **Universala Esperanto-Asocio** salutas la kongreson instigante daŭrigi la gravan laboron fakan.
**La prezidanto de la Nederlanda Laborista Esperantista Asocio, van Haren,** en ardplena parolado skizas la strebadon al tuteŭropa unueco. La kongreso, en kiu pli ol 400 fervojistoj ĉeestas ol 12 landoj, montru, ke tiu unueco estas atingebla dank' al komuna lingvo.
**S-ro Kalma** reprezentanto de la **Neŭtrala Nederlanda Esperanto-Organizo** admiras la jubilean Bultenon. Li opinias la fervojistajn Esperantistojn pli progesemaj ol la fervojoj mem ĉar per unu komuna lingvo ili interligas la popolojn diverslandajn sed la largeco de la trakoj ne ankoraŭ estas la sama kaj komuna en la mondo. Li deziras plenan sukceson al la kongreso.
**La S-roj Krombeen** kaj **de Greef** nome de la **lokaj laboristaj sekcioj** el **Utrecht** kaj **Zuilen** esprimas la esperon, ke la kongreso estu historia. La Utreĥtaj esperantistoj promesas, ke la propaganda valoro ne perdiĝu.
**S-ro de Jong** reprezentanta de la **Nederlanda Centra Komitato Esperanta** sentas sin kiel publiko en trajno troviĝante en tute faka rondo diverslanda. Admirinda estas la interparolado en unu lingvo.
Por la landaj organizoj de IFEF parolis **Parry** ( Britio), **Huber** ( Aŭstrio) **Thorsted** (Danio ), **Ruhanainen** ( Finlando), F-ino **Lemonnier** ( Francio), **Zacconi** ( Italio), **Demmenie** ( Nederlando), **Sonderegger** (Svislando ), **Tarelôv** (Svedio), kiu samtempe salutis la kongreson nome de la **Sveda Fervojista Sindikato.**
Bedaŭrinde la Prezidanto de la **Franca Unuiĝo arta kaj Intelekta, S-ro Million** ne povis ĝustatempe ĉeesti, lian salutparoladon vi povos legi en la raporto pri la laborkunsidoj.
La Prezidanto de IFEF, W. Stapel, tutkore dankas la parolintojn pro la ĉeesto, la salutoj, la bondeziroj kaj instigaj vortoj kaj esperas, ke ili rimarku la gravan efekton de nia laboro por la fervoja terminaro. Speciale li laŭdas la kunlaborantojn al tiu giganta laboro, kiuj senlace laboradas por la realigo de la nemankipova fakvortaro. Al la patro kaj la filo Rebiĉek, al la S-roj Rosher, Lienhardt, Blin, Pape, Blondeaux, Simon kaj la multaj aliaj ni ŝuldas multan dankon.
Giganta estas la helpo el la diversaj landoj por la viktimoj de la katastrofo. Transdanu ĉiu al sia popolo la sinceran dankon de la Nederlanda popolo. Memore al la centoj da viktimoj mortintaj la prezidanto petas leviĝi de la seĝoj.
Per instigaj vortoj li akcentas la neceson daŭrigi plenkuraĝe la laboron kaj deklaras la Kvinan IFEF-kongreson malfermita.



# NIAJ PIONIROJ EN SVEDIO

Nia vizito al Svedio en la monato Junio donis al ni okazon rendevui kun la landa estraro en Stokholmo. La tuta estraro afable akceptis nin ĉe la stacidomo kaj kondukis nin en alte situantan restoracion, de kie ni povis rigardi la tutan urbon.

En tre agrabla kunesto la amikoj parolis al ni pri siaj planoj kaj sukcesoj koncerne IFEF-on. Iom post iom ili regajnas ĉe la fervojoj kaj gazetoj la preskaŭ perditan terenon por la Esp. movado. Senlace ili klopodas ĉe diversaj instancoj akiri sukcesojn por nia organizo, sendas artikolojn al fervojaj gazetoj, kiuj kelkfoje, ankoraŭ iom hezite akceptas. Ili tamen persistas kaj ni kredas, ke la obstine laboranta kolegio rikoltos finfine konsiderindajn sukcesojn. Tre grava afero jam estas, ke la sveda delegito por niaj kongresoj ricevas subvencion de la sindikato. Ni kore gratulas niajn svedajn amikojn pro tio. Sendube tiun favoron ili dankas al nia amiko Ernesto Eriksson, la eksparlementano, kiu en gvida posteno havis grandan influon ĉe la sindikato. Ni ĝojis renkonti kaj pasigi tre agrablan matenon kun nia malnova amiko Eriksson, la pensiumita kolego kies ankoraŭ juna koro varme batas por IFEF. Liaj entuziasmo kaj laboremo estu por ni lumiga ekzemplo.

Ni deziras al nia Sveda estraro sukceson en ĝiaj klopodoj, al onklo Ernesto ankoraŭ multajn bonajn jarojn. Sincere ni dankas lin ĉi tie pro tio, kion li faris por IFEF kaj pro ĉio, kion li faris en sia laborema vivo por la laboranta homo ĝenerale.

de Jong
Lok.

## RESPONDO

Ĉar ne eblas repondi individue al ĉiuj, kiuj esprimis laŭdon pro nia jubilea *Bulteno*, ni ĉiloke dankas pro la instigaj vortoj ricevitaj. Ni volonte plenumas la dezirojn al interŝanĝo de nia organo kun aliaj bultenoj kaj gazetoj.

La redaktaro.

## DEZIRAS KORESPONDI

S-ro Gino Rossi, Via S.Nazzaro 1, Verona, Italio, deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kun gesamideanoj en la tuta mondo.

# PROPAGANDCELE

Por havigi al mi bonan memoraĵon pri la 5-a IFEF-kongreso mi intencas fari albumon, en kiu estos metata ĉio, kio rilatas ĉi tiun kongreson, ekz. artikoloj el ĵurnaloj, gazetoj, revuoj, ktop., ne gravas la lingvo, fotoj ktp. Antaŭe mi jam dankas vin pro via afabla helpo.
J.J.Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht, Nederlando.

Rim. ĉefestraro: kolego Labordus estis la prezidanto de la L.K.K., kiu tiel bone prizorgis ĉiujn kongresaranĝojn en Utrecht.
Li do meritas vian helpon.

Por ekspozicio en la fino de aŭgusto, kun la celo propagandi Esperanton inter fervojistoj en Salzburg, oni bonvolu sendi taŭgan materialon al: Anton Huber, Salzburg - Gnigl, Mennesheimstr. 17, Aŭstrio.
Vizitontoj de la feriosemajno en Bad Ischl, kiuj deziras viziti Salzburgon skribu frutempe al la sama adreso, por ke ni povu plani taŭgan ekskurson.

El Munkeno ni ricevis la jenan informon por la partoprenontoj en la Zagreba kongreso:
Por la veturado al Zagreb el Anglio, Belgio, Danio, Norvegio, Svedio kaj Germanio ekzistas nur unu trajno, la t.n. *Taŭrn-Ekspreso* (Ostende 21.00; Bruxelles 22,35; Köln 2.30; München 11.05; Zagreb 23.20).
Por doni al ĉiuj samideanoj oportunan sidlokon, la Germana Federacia Fervojo intencas aligi apartajn vagonojn (eble de München aŭ de Hamburg) se sufiĉa nombro da partoprenontoj sin anoncos. Pro tio ĉiuj interesuloj el la supre menciitaj landoj estas petataj, kiom eble plej baldaŭ sed nepre ĝis la 10a de julio, komuniki al s-ano J.Giessner, Ravensbergerstr. 117, Bieleveld, Germanio, ĉu ili intencas veturi per la *Taŭern-Ekspreso* je la 23-a, 24-a, aŭ 25-a de julio.
Antaŭ ĉio gravas por grupoj ! Pripensu, ke samtempe oni en ĉiuj landoj ferias, do la trajnoj estos plenplenaj ! Demandoj pri tiu ĉi afero nur escepte povos esti respondataj kaj nur, se reafranko estos aldonata.

Kolego P.E.F.Grachten skribis al ni:
En februaro, je invito de la estraro de la Germana Ĝenerala Fervojista Sindikato, mi vizitis Bestwig/Saŭerland, por partopreni en ĝia tritaga kongreso. Dum la sukcesplena kongreso mi plenumis la deziron de la estraro por sciigi ion pri la Nederlanda Fervoja Sindikato (N.V.)

Mi klarigis la grandan valoron de la internacia lingvo Esperanto, por akiri pli bonan komprenon kaj internacian kunlaboron.
Mi estis tre kontenta pri la spontaneaj esprimoj - enskriboj kiel kursanoj - kaj la deziron por partopreni la jarkvinon de IFEF.
Kunhelpu ankaŭ tio por INTERFRATIĜO!

## SUBVENCIOJ POR BULTENO

Dum la unuaj kvin monatoj de 1953 mi ricevis de E.Crowe, Aŭstralio 0.60 FERN, Nederlando 7.50, Fr-ino G.Lemmonnier, Parizo 2.50, J.Lok,Amsterdamo 1.00, A.I.E.F., Italio 0.20, A.Huber Aŭstrio 0.20, la Sveda rondo 23.35, la Norvega rondo 50.00, O.Olhson, Svedio 10.00.
Venditaj Bultenoj: A.Himmler,Frankfurt a/m 10.00,la Franca rondo 10.20 en la kongresejo 11.20, kiujn sumojn mi kun danko akceptas.

W.Biesheuvel, Ĝen.kasisto.

# EN LA GAZETARO

En *LA RONDO* la organo de la Aŭstralia Esperanto-Asocio, aperis kelkaj linioj en speciala rubriko pri la okazinta IFEF-kongreso en Lindaŭ.

En *The Locomotive journal* No.5, Febr.1953, aperis propagandcela artikolo pri IFEF. Ni gratulas nian amikon E.Crowe pro la sukceso. La ĵurnalo estas eldonaĵo de la Aŭstraliaj Fervojoj.

En la Sveda personara kaj fakorgano *Svenska Järnvägs-Tidningen* aperis pli ol unukolona artikolo pri la okazinta jarkunveno de SFEF. La artikolo estas svedlingva, en kiu la prez. Hj.O. koncize raportas pri la jarkunveno kaj la IFEF-kongreso okazonta en Utrecht. Samtempe la verkinto instigas al partopreno en la venontaj kursoj. Estas la unua paŝo de niaj svedaj kolegoj al plena sukceso por rekonkeri la perditan terenon. Brilan sukceson ni deziras al ili.

Tre interesa estas la anonco pri IFEF en *La Revuo Orienta* japana eldonaĵo. Escepte la frazo *Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj* la anonco estas presita japane. La legantoj sendube pardonas al mi, ke mi ne scipovas la japanan lingvon por traduki por ili la tuton. Sur paĝo 398a ni tamen scipovas legi en Esperanto, ke nia amiko Nobuki interkonsiliĝis kun 4 fervojistoj. Ili ne ankoraŭ havas sufiĉan

povon tuj fondi organizon, tamen antaŭ ĉio ili faros adresaron de fervojistaj esperantistoj kaj por tio la organo dissendas alvokon. Al la Redakcio nian dankon al niaj kolegoj en Japanio ni deziras brilan sukceson.

En No. 395 de Aprilo 1953 de *La Vie du Rail* Franca Fervoja Organo* aperis anonco pri la 5a IFEF-kongreso en Utrecht. Nian sinceran dankon pro tio! La Nederlanda Fervojista Sindikato, N.V. tre favore propagandas por nia movado en la lastajaro. En ĝia organo *Weekblad* No.16 1953 aperis artikolo pri la okazonta IFEF-kongreso. Funde la verkinto de la artikolo pritraktas la enhavon de la jubilea Bulteno kaj laŭdas la interesan enhavon. Nome de la ĉefestraro de la Sindikato li bonvenigas la 5an IFEF-kongreson en la sindikata domo, kie ĉiuj kongresaranĝoj okazos. En No.20 de la sama Sindikata organo aperis tre detala raporto pri nia kongreso, kiu preskaŭ ampleksas la duonan antaŭpaĝon. La tre interesa raporto finiĝas per instigo anonci sin por la nova kurso ĉe la sekretario de FERN. Ĉu estas necese diri, ke la nederlandaj IFEF-anoj ĝojas pri la granda interesiĝo en tiuj rondoj?

Ankaŭ en la Svisa Sindikata Organo *Der Eisenbahner* aperis raporto pri nia jubilea kongreso en Utrecht, en kiu raporto oni skribas pri neforgesebla memoro pri la kongreso. Ni tutkore dankas la svisajn kolegojn pro la aktiveco. En *Der Eisenbahner*, la organo de la Aŭstria Fervojista Sindikato, aperis kompleta raporto de la Aŭstria fakgrupo AFEF pri la jarkunveno en Marto. Krom tio oni enpresigis la tekston de la salutletero de IFEF. Sendube niaj Aŭstraj kolegoj meritas laŭdon pro la tre zorgema aranĝado de la jarkunveno. Aparte ni enpresigos en Bulteno la adresojn de la novaj IFEF-funkciuloj en Aŭstrio kaj la adresojn de IFEF-perantoj nur por vojaĝaferoj. Ni certe al la Redakcio ŝuldas dankon pro la enpresigo de tiom longa esperantlingva artikolo.

En la Nederlanda gazetaro oni kontentige interesiĝis pri la 5a IFEF-kongreso. En *Nieuw Utrechts Dagblad* aperis du artikoloj, unu pri la solena malfermo kaj unu pri la artvespero. La unua artikolo enhavis bildon, kiu prezentas al la legantaro la urbestron de Utreĥto alporalanta la kongreson. La nova IFEF-flago estas sur tiu bildo bone videbla. En la landa eldono de la laborista gazeto *La Libera Popolo* aperis mallonga artikolo pri la interfratiĝvespero. La loka gazet. *Libera Popolo* dediĉis pli da atento al la kongreso kaj enpresigis du longajn artikolojn kun foto pri la metado de florkrono antaŭ la monumento de la militviktimoj.

La *Utrechtsche Nieuwsblad* aperigis artikolon sub esperantlingva kapo. *Utrecht, la koro de la fervojo*. La raportisto faris praktikan klopo-

don kaj alparolis (kiel eble plej bone) kelkajn kongresanojn. Li parolis kun Itala geedzoparo el Bologna, kun nia kolego Tubbellier el Francio, kun nia kolego Sonderegger el Svislando kaj eble la sama raportisto ankaŭ alparolis min kaj ĝoje diris: *finfine mi renkontas esperantiston, kiu ankaŭ komprenas la nederlandan lingvon. *Bonega propaganda artikolo por nia lingvo.

Ankaŭ niaj propraj gazetoj minciis pri nia kongreso per artikoloj. Ni legis artikolon en *Laborista Esperantisto*. La Asocio de laboristaj Esperantistoj tutkore gratulas IFEF-on okaze de la kvinjara jubileo. En *Heroldo de Esperanto No.7 kaj No.8* aperis artikoloj pri nia kongreso. Nin tre ĝojigas la enpresigo de artikoloj pri nia kongreso en tiom multe legata Esperanto-organo internacia. *Heroldo de Esperanto* estas legata en ĉiuj partoj de la mondo kaj estas riĉenhava, ĝi aperas duonmonate en ampleksa formato.
Ankaŭ la landaj organoj de niaj IFEF-sekcioj en Francio, Danio kaj Nederlando kaj precipe la redaktoroj meritas laŭdon pro la baldaŭa aperigo de la raporto pri nia kongreso en siaj respektivaj organoj. Tio ĝis nun ne okazis, kaj signifas nova progreso. La ĉefestraro pli bone povas sondi la impresojn en la diversaj landoj pri la okazinta kongreso kaj certe klopodos forigi la spertitajn mankojn. Laŭ la ĉisupre menciitaj artikoloj en la gazetaro ni povas senskrupule diri, ke nia jubilea kongreso havis grandan propagandan valoron kaj daŭrigu tiun laboron en la gazetaro, ankaŭ kiam ne estas kongreso.

La sekr. de I.F.E.F.

## SOMERA RESTADO EN SVEDIO

La esperantistoj en Norrköping je tre malalta prezo akceptas en sia bela somerdomo *Granebö* eksterlandajn esperantistojn por pli-malpli longa restado. Vojaĝantoj kaj feriantoj estas bonvenaj.
Ĉar la domo ne havas mastrinon, la gastoj devas mem pripari sian manĝaĵon. Litotukojn kunportu. Detalajn informojn donas:
Joseph Pihlström, H.S.B. Kolmården, Norrköping, telefono 950.06.

## NUN AĈETU LIBROJN

Svisa librejo subtenos nian Bultenon per 30% el la vendo-sumo de jenaj libroj: Ĉe la Sanktaj Akvoj, Romano tipe Svisa el la altmontaro, verkita de I.C.Heer. Bindita fr. 7.
*Pensoj de Zamenhof*. Sentencoj de nia majstro, tradukita en Angla, Franca, Itala kaj Germana lingvoj. Broŝurita fr. 060.
Sendu vian mendon kaj pagon ĝis la 1-a de septembro al via landa kasisto, kiu prizorgas ĝin ĉe kolego O.Walder, Eigenheim, Romanshorn, Svisio.